# La Bulteneto

Numero 39 ❁ Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO





## OLGA WISINGER-FLORIAN
## TALENTO, DILIGENTO KAJ ENERGIO

AUSSTELLUNG IM LEOPOLD-MUSEUM WIEN

EKSPOZICIO EN LEOPOLD-MUZEO VIENO

24. 05. 2019 – 21. 10. 2019

„Por atingi sukceson en la arto oni bezonas diligenton, ĉar talento sen diligento estas absolute senfrukta. Mi ekpentris, kiam mi estis jam pli aĝa, mi estis 36jara, kiam mi ekstudis, tamen atingis renomon, sed per grandega investo de diligento kaj energio.“

Olga WISINGER-FLORIAN

[vísinger-flórian]





Albert MAYER: Olga WISINGER-FLORIAN, ĉirkaŭ 1897
Foto kaj © Kunsthandel Giese & Schweiger, Wien

## Facetoj de artistina vivo

1a de novembro 1844

Olga WISINGER-FLORIAN [vísinger-flórian] naskiĝis kiel la sola infano de la imperiestra konsilisto Franz FLORIAN [franc flórian], kiu estis elstara kaligrafo, kaj de Anna, kies familio devenis el Krakovo.

1868-1873

Edukado al pianistino. Kronika mana malsano devigis ŝin rezigni pri plua studado.

1874

Olga FLORIAN iĝis la edzino de la apotekisto Franz WISINGER (1824-1890), kiu posedis la apotekon Zum Goldenen Adler (Al la Ora Aglo) en Vieno, Schwarzenbergplatz [ŝvárcenberg-placo].

1874-1879

Privata lernado ĉe la pejzaĝa pentristo Melchior FRITSCH [mélĥior friĉ].

1875

Naskiĝo de la sola infano, la knabo Oskar Franz.

1879-1880

Ĉar virinoj tiutempe ne rajtis studi en akademio aŭ universitato - tio eblis nur ekde 1920 - , Olga WISINGER-FLORIAN gaste aŭskultis la instruadon en la pentrista akademio. Privata lernado ĉe August SCHAEFFER von WIENWALD [aŭgust ŝefer de vinwald], kiu poste iĝis la direktoro de la pentraĵa galerio.

1880

Komenco de kvinjara privata studado ĉe Emil Jakob SCHINDLER [ŝindler]. Studaj restadoj kune kun aliaj pentristaj gekolegoj en Aŭstrio kaj Italio. Poste Olga WISINGER-FLORIAN decidis memstare pentri.

1884 -1887

Olga WISINGER-FLORIAN instruis private diversajn virinojn, interalie nobelinojn.

Ekde 1890

Post la morto de sia edzo ŝi heredis ties apotekon, kies enspezoj permesis al ŝi senzorgan vivon.

1891

Por la Internacia Packongreso en Romo ŝi estis delegito.

1892-1893

Vojaĝo tra Svisio, kie okazis en Berno la Internacia Packongreso.
Junie ŝi vizitis Bertha von Suttner [berta de sutner] en Harmannsdorf, Suba Aŭstrio. Vojaĝo tra la norda parto de Usono kaj vizito al la Internacia Packongreso en Ĉikago.

1894

Ŝi partoprenis la Internacian Packongreson en Antverpeno.

1898

Komenco de grava kora malsano.

1902

Ŝi vojaĝis al Monako, kie ŝi partoprenis kiel delegito en la Internacia Packongreso.

Ekde 1904

Restadoj en la rezidejoj de diversaj nobeloj. Interalie (1905-1914) ŝi regule pasigis la someron en Grafenegg en Suba Aŭstrio.

1912-1926

Komenciĝanta blindiĝo pro cerba tumoro. Pro sia progresanta blindiĝo kaj aliaj malsanoj ŝi ekloĝis en Grafenegg, kie Hercogino kaj Hercogo de Ratibor disponigis al ŝi vilaon en la parko de ilia kastelo. 1915 ŝia amikino Alice Gurschner, kiu regule vizitis ŝin tie, skribis, ke Olga ankoraŭ kapablis vidi la arbojn de la malnova parko. Sur ŝia pentrista stablo staris etudo de rave brilantaj hiacintoj. Finfine la pentrado ne plu eblis. Ŝi volis pentri ankoraŭ kelkajn magnoliojn, kiujn oni donis al ŝi. Sed tiu bildo, ŝia lasta, restis nefinita.

27a de februaro 1926

Ŝi mortis 82jara en Grafenegg kaj entombiĝis en tombo de la familio WISINGER en la Centra Tombejo de Vieno.

## Antaŭjuĝo

1893 okazis la Monda Ekspozicio en Ĉikago. Olga veturis tien kaj havis kelkajn bildojn en la valizoj. Dum la dogana kontrolo ŝi deklaris, ke ŝi mem estis pentrinta la bildojn. Tial la doganisto diris: „Sen valoro – ne dogana imposto!”

## Virina pentro-arto

Flatis ŝin la admira rimarko de Hans Makart (1840-1884), ke „virino povas tian pentri.” Sed ankoraŭ post 1900 oni legis en recenzoj, ke „ekzistas nur malmultaj pentristoj, kiuj tiel virece pentras kiel tiu pentristino.”

## Motivoj kaj vojaĝoj

En ŝia taglibro ŝi detale priskribis siajn multegajn vojaĝojn en nuna Aŭstrio (exzemple Gmunden, Harmannsdorf, Bad Goisern, Gars am Kamp), al Italio (Venecio, Duino), al nuna Kroatio (Rijeka/Fiume, Opatija/Abbazia), Francio (Menton, Nizza; Normandie), al Londono, Pariso, al la tiama Konstantinopolo, al la Nigra Maro, al Hungario, al Regensburg, al Svisio (Lago Maggiore et al.); ankaŭ ŝi vizitis Usonon (Ĉikago, Niagara-akvofaloj). Tiuj vojaĝoj pliampleksigis ŝian riĉecon je motivoj. Sur ŝia lasta **granda** bildo (1911) aperas „Ulma Aleo ĉe la Nigra Maro”.

## Ekonomia sukceso

Olga WISINGER-FLORIAN estis ne nur elstara pentristino, sed ankaŭ sukcese vendis siajn verkojn. La 15an de aprilo 1888 ŝi notis en sia

taglibro: „*Aŭtunaj Floroj ĉe Fenestro* vendita kontraŭ 1000 guldenoj[1]!“ La unuan fojon ŝi superis la limon „1000“.
Por la bildo *Ulma Aleo ĉe Eŭksinogrado*[2], pentrita ĉirkaŭ 1910, ŝi ricevis 4000 Kronojn[3].

Al ŝia sukceso kontribuis multaj faktoroj: Ŝia vivoĝojo kaj humuro, ŝia intensiva partumado en la socia vivo, ekzemple grupaj montmigradoj, vesperaj kunvenoj, baloj, karnavalaj festoj, vizitoj teatraj kaj koncertaj kaj de ekspozicioj; ŝi estis ŝatata gasto en la alta nobelaro, kie ŝi sekure kaj suverene moviĝis; ŝia talento dezajni kaj memkudri siajn belajn kaj modemajn robojn; ŝi konscie surscenigis sin per siaj ĉiam elegantaj vestoj; ŝi estis agrabla, humurplena kaj inteligenta konversaciantino; ĉiutage ŝi flegis siajn multegajn interrilatojn kun nobeloj kaj artistoj, konsciante kiel grava tio estis por sia entreprena sukceso.
En Vieno, en Wienstraße 9 (hodiaŭ Rechte Wienzeile) ŝi loĝis en grandega, nobla kaj arta loĝejo kaj havis sian atelieron apude, kie ŝi ankaŭ lertece kaj profesie dekoraciiste prezentis siajn „varojn“ (tio estas bildoj) al siaj klientoj, kaj kie ŝi instruis pentradon interalie al infanoj de nobelaj geamikoj kaj gekonatoj.

## Porvirinaj asocioj

Por sekurigi la ekonomian bazon de virinoj Olga WISINGER-FLORIAN fondis porvirinajn asociojn respektive aktivis en tiuj:
- Asocio de Verkistinoj kaj Pentristinoj en Vieno; interalie prezidanto 1900-1917;
- Grupo de Ok Artistinoj; kunfondanto; diversaj ekspozicioj;
- Asocio Bertha von Suttner: Aktiva membro kaj delegito;
- Asocio de Figurartaj Artistinoj en Aŭstrio: Membro.

---

[1] Hodiaŭ plimalpli 40 000 €
[2] Apud Sofio
[3] Hodiaŭ plimalpli 80 000 €



Olga WISINGER-FLORIAN, Interieur mit Namenstagtisch, 1909
Interioro kun Nomfesta Tablo

Foto: Kunsthandel Giese & Schweiger, Wien



Olga WISINGER-FLORIAN,
Schmiede bei Bisamberg, 1894
Forĝejo ĉe la monto Bisamberg apud Vieno
© Privatsammlung
Foto: Auktionshaus im Kinsky, Wien



Olga WISINGER-FLORIAN, La Unua Prujno aŭ Princa vojo en Raitz [rajc], hodiaŭ Rájec en Ĉeĥio, 1907.
Olga WISINGER-FLORIAN en sia taglibro:
„Hodiaŭ matene ĉio blanka pro prujno; mi pentris grandiozan motivon, tute blanka ĉe la Princa vojo.“



Olga WISINGER-FLORIAN pentris tiun „Grandan Kato-Bildon“ de la 25a de februaro – laŭ sia taglibro – ĝis aprilo 1884. Por realigi tiun komponaĵon el morta vivo, pejzaĝo kaj ĝenro ŝi prenis instruadon ĉe Uroš Predić (Orlovato en Vojvodino 1857 - 1953 Belgrado), kiu estis unu el la plej famaj jugoslavaj pentristoj de la realismo. Estis malfacile bildigi tiun momenton, en kiu la kato eksaltas, la knabino ektimas kaj la birdo ekflugas.

# RENÉ DE SAUSSURE

## Der Erfinder des universellen Geldes

Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Streng limitierte Auflage: 1000 in polierter Platte. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Preis 49 € plus Versandkosten
Bestellungen: esperanto@chello.at

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

## ESPERANTO IM WELTMUSEUM WIEN

Jeden zweiten Montag findet im Weltmuseum ein Sprachencafé statt.
Dort gibt es auch einen Esperanto-Tisch.
Termine: www.weltmuseumwien.at/programm

# Die junge Sprache für junge Menschen

► **Die internationale Kultursprache Esperanto ist wesentlich leichter als Englisch erlernbar.**

► **Esperanto** eignet sich sehr gut für die **internationale Kommunikation.**

► Esperanto ist **Kommunikation und Kulturtransfer auf gleicher Augenhöhe** für Menschen mit verschiedenen Muttersprachen. Mit Esperanto ist heute ein internationaler Wissenschafts- und Kulturaustausch möglich, ohne dass ein Volk deshalb diskriminiert ist, weil seine Sprache nicht als international bedeutsam angesehen wird.

► Mit Esperanto kann man die unterschiedlichen Aspekte des menschlichen Denkens und Fühlens ausdrücken.

► Esperanto bedeutet Selbstorganisation von Bürgerinnen und Bürgern und kommt ohne öffentliche Subventionen aus.

► Esperanto ist eine lebende Sprache, die sich wie andere Sprachen entwickelt.

**800 000**

lernen derzeit Esperanto mit dem Gratiskursen von *duolingo.*

**Eine weitere mehrsprachige Lernplattform ist**

www.**lernu**.net

# Esperanto - Daten und Fakten

| | |
|---|---|
| 1887 | Das erste Esperanto-Lehrbuch erscheint |
| 1905 | 1. Esperanto-Weltkongress in Boulogne-sur-Mer (Frankreich) |
| 1908 | Gründung des Esperanto-Weltbundes UEA in der Schweiz: www.uea.org |
| 1912 | Die ersten Spesmilo-Münzen werden geprägt |
| 1922 | Erste Radiosendungen in Esperanto (Newark und London) |
| 1938 | Gründung des Esperanto-Jugendweltbundes TEJO: http://tejo.org |
| 1959 | Die ersten Stelo-Münzen werden geprägt |
| 1965 | 50. Esperanto-Weltkongress in Tokio, der erste Weltkongress in Asien |
| 1966 | Pasporta Servo (1000 esperantosprachige Gastgeber in 90 Ländern) erscheint erstmalig: www.pasportaservo.org |
| 1970 | Das Definitionswörterbuch Plena Ilustrita Vortaro wird herausgegeben: kono.be/vivo oder vortaro.net |
| 1980 | Die Monatszeitschrift Monato erscheint erstmals: www.monato.net |
| 1986<br>2004 | Esperanto-Weltkongresse in Beijing, China |
| 2001 | Chuck Smith (USA) gründet die esperantosprachige Vikipedio: eo.wikipedia.org |
| 2002 | Der Internet-Esperantokurs lernu startet: www.lernu.net<br>Mehr als 240 000 Anmeldungen bis 2018 |
| 2006 | Herzberg am Harz (Niedersachsen) wird offiziell Esperantostadt: esperanto-urbo.de |
| 2008 | Erstmalig Esperanto-Prüfungen nach dem Gemeinsamen Europäischen Referenzrahmen: www.edukado.net/ekzamenoj/ker |
| 2011 | Gründung von Muzaiko (Esperanto-Musik): www.muzaiko.info |
| 2012 | Google macht Esperanto-Übersetzungen |
| 2014 | Erstmals Esperanto-Fernsehen: Google > esperanto televido |
| 2015 | Duolingo – Neuer Esperantokurs für Englischsprachige, danach auch für Spanisch- und Portugiesischsprachige: www.duolingo.com<br>Mehr als 1,7 Millionen Anmeldungen bis 2018  |
| 2017 | 102. Esperanto-Weltkongress in Seoul (Südkorea) |
| 2018 | Die 100-Steloj-Münze (1 Unze Feinsilber) wird herausgegeben |
| 2018 | 103. Esperanto-Weltkongress in Lissabon (Portugal) |
| 2018 | 74. Esperanto-Jugend-Weltkongress in Badajoz (Spanien) |
| 2019 | 104. Esperanto-Weltkongress in Lahti (Finnland) |
| 2019 | 75. Esperanto-Jugend-Weltkongress in Liptovský Hrádok, Slowakei |
| 2020 | 105. Esperanto-Weltkongress in Montreal (Kanada) |




Info: esperanto@chello.at



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**